25a Universala Kongreso
de Esperanto * Köln 1933
Adreso: Trajanstrasse 25



Köln (Germ.), 20. 9. 32

Tre estimata Redakcio!

Ĉi-kune ni sendas al vi la unuan oficialan bultenon pri la 25-a Universala Kongreso de Esperanto kaj dankus vin, se vi bonvolus publikigi ĝin kiel eble plej baldaŭ en via ŝatata organo. Bonvolu komuniki al ni, ĉu vi deziras la alsendon ankaŭ de la sekvontaj bultenoj. Krome, bonvolu indiki al ni, ĉu vi deziras publikigi en via gazeto artikolo(j)n pri la kongres-urbo aŭ -regiono, kiun amplekson la artikolo(j) proksimume havu, ĉu vi deziras ricevi kliŝo(j)n aŭ matrico(j)n por ilustri la artikolo(j)n. Ni tre petas, ke vi sendu al ni minimume po unu ekzemplero de ĉiu numero de via gazeto, kiu enhavos bultenon aŭ iun ajn informon pri la 25-a Universala Kongreso aŭ pri la kongres-urbo kaj -regiono. Anticipe nian koran dankon!

Loka Kongresa Komitato.

25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln, 29. Julio — 5. Aŭgusto 1933.

# Oficialaj sciigoj. Bulteno N-ro 1.

**Oficiala Invito:** La Jubilea Kongreso okazos en Köln (Kolonjo apud Rejno) laŭ oficiala invito de la ĉefurbestro de Köln, D-ro Konrad Adenauer, Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro.

**La Kongresurbo sin prezentas:** Köln estas preskaŭ dumiljara urbo, fondita de la Romanoj en la jaro 38 a. Kr. kaj ricevinta urbajn privilegiojn en la jaro 50 p. Kr. („Colonia Claudia Ara Agrippinensis"). Ĝi situas en la koro de Eŭropo inter Berlino, Parizo, Londono kaj Svislando-Italujo, apud la riverego Rejno (germ.: Rhein).

Mondfama pro sia gotika katedralo, sia parfum-industrio (Kolonja Akvo = „Eau de Cologne") kaj multaj antikvaj kaj novtempaj vidindaĵoj (preĝejoj, pordegokasteloj, universitato, muzeoj, teatroj, stadiono, parkoj, zoologia ĝardeno), kvar feraj pontoj trans la Rejnon. Haveno, stacidomoj, aviadejo. Vigla komerco kaj trafiko. 740 000 loĝantoj. La Kolonjanoj estas precipe konataj pro sia sangvina temperamento kaj bonhumoro en bonaj kaj malbonaj tempoj.

**La Kongresa Palaco de la urbo Köln** estas unu el la plej modernaj domegoj tiucele konstruitaj kaj situas en bela parko apud la Rejno. Ĝi estos je nia dispono dum la 25-a Universala Kongreso.

**La Loka Kongresa Komitato** formiĝis kaj kore salutas la tutmondan esperantistaron.

Prezidanto: urbestro Bönner;

Vic-prezidanto: urba lerneja konsilisto Theile;

Afergvidantino kaj kasistino: s-ino M. Gernsbacher;

Sekretario: Wilhelm Wingen;

Fakestro por loĝado kaj amuzoj: Fritz Kurth.

La LKK alelektos al si konsilantojn por diversaj fakoj.

**La adreso de la LKK estas:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanlando.

**La poŝta ĉekkonto** funkcias sub la numero: Köln 52 kaj sub la titolo: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln.

**Bankkonto:** Dresdener Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln, Germanujo.

**Kotizoj:** Por faciligi al la samideanoj la aliĝon al la kongreso kaj kun la celo plejeble fruigi la aliĝon kaj simpligi la preparlaboron, la LKK decidis, interkonsente kun la ICK, akcepti ĉiujn aliĝojn ĝis inkluzive 31. 12. 1932 je **favorkotizo de nur gmk. 18.—**. Post 1. 1. 1933 validos la plena norm-kotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj: La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Por frualiĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis 31. 12. 1932, la kotizo estas nur gmk. 4.50. Gejunuloj ne rajtos ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj: Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresanoj po gmk. 10.—.

**Donacoj** por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun la kongresa kaso ricevis donace gmk. 23.—.

**Blindula kaso:** La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj samideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 8.—.

**Aliĝiloj** estos disdonataj en monato novembro pere de la Esperanto-gazetaro kaj naciaj societoj. Krome la LKK sendos ekzemplerojn al ĉiu petanto.

**Specialan kongresan gazeton** LKK **ne** eldonos. La oficialajn kongresbultenojn oni legu en la diversaj Esperanto-gazetoj. Krom tio „Heroldo de Esperanto" aranĝos specialan ĉiusemajnan kongres-rubrikon. Krome la LKK sendos la bultenojn al ĉiu deziranto.

**Fakaj kunvenoj:** Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Informpetoj de LKK:** La informpetantoj bonvolu aldoni necesan afrankon por la respondo, per respond-kupono aŭ UEA-kupono. Ĉiam indiku sur ĉiu letero aŭ karto vian plenan adreson! La jam aliĝintaj samideanoj bonvolu meti sur ĉiun skribaĵon la numeron de sia kongreskarto.

**Aliĝoj:** Ĝis nun anoncis sian aliĝon **103 personoj el 15 landoj.**

Laŭlanda statistiko: Anglujo 9; Aŭstrujo 1; Belgujo 5; Ĉeĥoslovakujo 1; Danujo 1; Francujo 13; Germanujo 56; Hispanujo 3; Italujo 4; Japanujo 1; Nederlando 4; Polujo 1; Rumanujo 1; Skotlando 1; Svedujo 2. Krome n-roj 1—12, rezervitaj al familio Zamenhof.

Por kiel eble plej multaj **baldaŭaj** aliĝoj tre dankema estos la

Loka Kongresa Komitato.

# Oficialaj sciigoj. Bulteno N-ro 1.

**Oficiala Invito: La Jubilea Kongreso** okazos en Köln (Kolonjo apud Rejno) laŭ oficiala invito de la ĉefurbestro de Köln, D-ro Konrad A d e n a u e r, Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro.

**La Kongresurbo sin prezentas:** Köln estas preskaŭ dumiljara urbo, fondita de la Romanoj en la jaro 38 a. Kr. kaj ricevinta urbajn privilegiojn en la jaro 50 p. Kr. („Colonia Claudia Ara Agrippinensis"). Ĝi situas en la koro de Eŭropo inter Berlino, Parizo, Londono kaj Svislando-Italujo, apud la riverego Rejno (germ.: Rhein).

Mondfama pro sia gotika katedralo, sia parfum-industrio (Kolonja Akvo = „Eau de Cologne") kaj multaj antikvaj kaj novtempaj vidindaĵoj (preĝejoj, pordegokasteloj, universitato, muzeoj, teatroj, stadiono, parkoj, zoologia ĝardeno), kvar feraj pontoj trans la Rejnon. Haveno, stacidomoj, aviadejo. Vigla komerco kaj trafiko. 740 000 loĝantoj. La Kolonjanoj estas precipe konataj pro sia sangvina temperamento kaj bonhumoro en bonaj kaj malbonaj tempoj.

**La Kongresa Palaco de la urbo Köln** estas unu el la plej modernaj domegoj tiucele konstruitaj kaj situas en bela parko apud la Rejno. Ĝi estos je nia dispono dum la 25-a Universala Kongreso.

**La Loka Kongresa Komitato** formiĝis kaj kore salutas la tutmondan esperantistaron.

Prezidanto: urbestro Bönner;

Vic-prezidanto: urba lerneja konsilisto Theile;

Afergvidantino kaj kasistino: s-ino M. Gernsbacher;

Sekretario: Wilhelm Wingen;

Fakestro por loĝado kaj amuzoj: Fritz Kurth.

La LKK alelektos al si konsilantojn por diversaj fakoj.

**La adreso de la LKK estas:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanlando.

**La poŝta ĉekkonto** funkcias sub la numero: Köln 52 kaj sub la titolo: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln.

**Bankkonto:** Dresdenner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln, Germanujo.

**Kotizoj:** Por faciligi al la samideanoj la aliĝon al la kongreso kaj kun la celo plej-eble fruigi la aliĝon kaj simpligi la preparlaboron, la LKK decidis, interkonsente kun la ICK, akcepti ĉiujn aliĝojn ĝis inkluzive 31. 12. 1932 je **favorkotizo de nur gmk. 18.—**. Post 1. 1. 1933 validos la plena norm-kotizo de gmk. 20.—.

J u n u l a j  M e m b r o j : La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Por frualiĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis 31. 12. 1932, la kotizo estas nur gmk. 4.50. Gejunuloj ne rajtos ricevi la kongresajn dokumentojn.

B l i n d u l o j kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

H e l p k o n g r e s a n o j : Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresanoj po gmk. 10.—.

**Donacoj** por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun la kongresa kaso ricevis donace gmk. 23.—.

**Blindula kaso:** La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj samideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 8.—.

**Aliĝiloj** estos disdonataj en monato novembro pere de la Esperanto-gazetaro kaj naciaj societoj. Krome la LKK sendos ekzemplerojn al ĉiu petanto.

**Specialan kongresan gazeton** LKK **ne** eldonos. La oficialajn kongresbultenojn oni legu en la diversaj Esperanto-gazetoj. Krom tio „Heroldo de Esperanto" aranĝos specialan ĉiusemajnan kongres-rubrikon. Krome la LKK sendos la bultenojn al ĉiu deziranto.

**Fakaj kunvenoj:** Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Informpetoj de LKK:** La informpetantoj bonvolu aldoni necesan afrankon por la respondo, per respond-kupono aŭ UEA-kupono. Ĉiam indiku sur ĉiu letero aŭ karto vian plenan adreson! La jam aliĝintaj samideanoj bonvolu meti sur ĉiun skribaĵon la numeron de sia kongreskarto.

**Aliĝoj:** Ĝis nun anoncis sian aliĝon **103 personoj el 15 landoj.**

L a ŭ l a n d a  s t a t i s t i k o: Anglujo 9; Aŭstrujo 1; Belgujo 5; Ĉeĥoslovakujo 1; Danujo 1; Francujo 13; Germanujo 56; Hispanujo 3; Italujo 4; Japanujo 1; Nederlando 4; Polujo 1; Rumanujo 1; Skotlando 1; Svedujo 2. Krome n-roj 1—12, rezervitaj al familio Zamenhof.

Por kiel eble plej multaj **baldaŭaj** aliĝoj tre dankema estos la

**Loka Kongresa Komitato.**






ADRESO: TRAJANSTRASSE 25

# OFICIALAJ SCIIGOJ

BULTENO N-RO 2

**Oficiala Invito:** La ĉefurbestro de Köln, D-ro Konrad **Adenauer**, Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro, invitis la jubilean kongreson.

**La Kongresa Palaco de la urbo Köln** situanta en bela parko apud la Rejno estas je dispono de la kongresanoj.

**Adreso de la LKK:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanujo.

**Poŝta ĉekkonto:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln N-ro 52.

**Bankkonto:** Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln.

**Kotizoj:** La favorkotizo de gmk. 18.— estas plilongigita ĝis la 31. 3. 1933. Post tiu dato validos la normkotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj: La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj: Kiu ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresano, pagante gmk. 10.—.

**Donacoj** por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun ni ricevis gmk. 96.48.

**Blindula Kaso:** La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la Kongreso al blindulaj samideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 88.36.

**La LKK elektis jenajn konsilantojn:** S-ino A. Berger, s-ro J. Berger ((fakaj kunvenoj), s-ro K. Brakel, f-ino M. Cahen, f-ino A. Fuchs (protokolistino), D-ro med. W. Heinen (kuracistoj), s-ro Hendrichs (katolikaj aferoj), s-ro T. Jung (kongres-propagando), s-ro A. Junker, s-ro J. Kreitz (blinduloj), f-ino Ch. Mielau (instruistoj), s-ro H. Schneider, s-ro M. Schumacher (enlanda gazetaro).

**Grava sciigo:** Dank' al la fervora subteno de s-ro D-ro Bluth la magistrato de la urbo Bad Neuenahr konsentis nomi placon meze de la urbo „Dr. Zamenhof-Platz". La solena inaŭguro okazos dum la kongreso; la kongresanoj estas invitataj, partopreni tiun feston.

**Valoran kongresmemoraĵon** ricevos tiuj aliĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis fino de marto 1933.

**Afiŝoj pri la 25-a Universala Kongreso:** La urbo Köln donacis 3000 belajn afiŝojn kun bildo de la fama katedralo kaj kun Esperanto-teksto. Ili estas senpage riceveblaj ĉe la adreso de la LKK, Trajanstr. 25, Köln.

**Aliĝiloj** estas disdonitaj aŭ enpresitaj pere de la Esperanto-Gazetaro kaj naciaj societoj. Parto de la aliĝiloj (10 000 ekzempleroj) estas donacita de la urbo.

**Aliĝoj:** Ĝis nun anoncis sian aliĝon 325 personoj el 25 landoj.

Laŭlanda statistiko: Anglujo 30, Aŭstralio 1, Aŭstrio 7, Belgujo 18, Ĉeĥoslovakujo 13, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 41, Germanujo 131, Hispanujo 10 (inter ili tri el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 11, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 22, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 4, Svedujo 4, Svislando 6.

**Fakaj kunvenoj:** Ĝis nun oni anoncis la sekvantajn fakajn kunsidojn: (Pri detaloj oni turnu sin al la organizantoj):

Internacia Radio-Servo:
S-ro Johannes Jungfer, Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germ.

Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj.
S-ro René Chapron, 32, rue des Champs, Le Mans, Francujo.

Kristana Esperantista Ligo Internacia:
S-ro Paul Hübner, Pölkenstrasse 4, Quedlinburg, Germanujo.

Stenografio:
S-ro J. Berger, Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germanujo.

Studentoj:
Klub Esperantista Akademičara, Primorska 11, Zagreb, Sveučilište, Jugoslavio.

Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj:
S-ro C. W. Roome, 21, Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.

Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio.

Universala Asocio de Blindulorganizaĵoj:
S-ro J. Kreitz, Herkulesstr. 97, Köln, Germanujo.

Aliaj organizantoj bonvolu sufiĉe frue anonci siajn dezirojn.

**Fervoja Rabato:** LKK ĝis nun atingis jenajn reduktojn sur **germanaj fervojoj:**

Karavanoj de 15 personoj ricevos 25%-an rabaton,
Karavanoj de 50 personoj ricevos 33%-an rabaton,
Izoluloj uzantaj la fervojon rajtas uzi tiel nomatajn „dimanĉbiletojn" (rabato de 33%). Ili validos sur ĉiuj linioj ĝis distanco de 250 km ĉirkaŭ Köln. Detaloj sekvos.

La belgaj kongresanoj kaj la nebelgaj, kiuj trapasos Belgujon, ĝuos rabaton de 35% de post la 15-a de julio (por la alvojaĝo), ĝis la 31-a de aŭgusto (por la revojaĝo) je la tarifoj de la nacia **Societo de Belgaj Fervojoj**, kaj de 30% por la ir- kaj revenbileto Dover—Ostende. La kongresanoj interesitaj bonvolu sin turni al Belga Ligo Esperantista, 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen, por ricevi la kartojn necesajn por akiri la rabatojn, aldonante unu respondkuponon de UEA aŭ de poŝto.

**Filmoj:** La LKK sukcesis atingi, ke la urbo fabrikigis plajn filmojn pri la kongresurbo kun Esperanto-tekstoj, tiel ke originalfilmo kaj 8 kopioj povas cirkuli en tuta Eŭropo kaj eĉ ekster Eŭropo. La programo pri cirkulo jam estas diskonigita al ĉiuj naciaj societoj. Interesitoj nepre sin turnu tuj al sia nacia societo por ricevi precizajn informojn.

**Karavanoj** jam anoncitaj:

Angloj bonvolu sin turni al:
The British Esperanto Association, 142, High Holborn, London W. C. 1.

Aŭstroj bonvolu sin turni al:
Registara konsilisto H. Steiner, Internacia Esperanto-Muzeo, Wien I, Neue Burg.

Italoj bonvolu sin turni al:
Esperanto-Centro Itala, Milano, Galleria Vitt, Emanuele 92.

Nederlandanoj bonvolu sin turni al:
S-ro Jakob Telling, Bellevoijsstraat 36, Rotterdam.

**Loĝigo:** La loĝigon aranĝos la Fremdultrafika Oficejo de la urbo Köln. En konvena tempo la oficejo dissendos mendilojn por loĝejoj. Jam nun ni povas informi, ke bonaj ĉambroj kun matenmanĝo estas haveblaj por 3—8 gmk. Detaloj sekvos.

La prezoj por tag- kaj vespermanĝoj varias inter gmk. 0.80 kaj 2.—, inkluzive trinkmono.

**Loka Kongresa Komitato.**




FEBRUARO 1933

ADRESO: TRAJANSTRASSE 25

Tre estimata Redakcio!

Ĉi-kune ni sendas al vi la trian oficialan bultenon pri la 25-a Universala Kongreso de Esperanto kaj dankus vin, se vi bonvolus publikigi ĝin kiel eble plej baldaŭ en via ŝatata organo. Se vi deziras artikolo(j)n pri la kongresurbo aŭ -regiono, bonvolu tion skribi al ni, kaj ankaŭ, ĉu vi deziras prunte ricevi kliŝo(j)n aŭ matrico(j)n por ilustri la artikolo(j)n. Ni atentigas vin ke — laŭ nia interkonsento kun la redakcio de „Heroldo de Esperanto" — vi rajtas represi el tiu ĉi gazeto ĉion, kio aperis aŭ kio ankoraŭ aperos pri la kongres-preparoj, pri la kongres-urbo aŭ -regiono, eĉ sen cito de la fonto. Ni tre petas, ke vi sendu al ni minimume po unu ekzemplero de ĉiu numero de via gazeto, kiu enhavos bultenon aŭ iun ajn informon pri la 25-a Universala Kongreso aŭ pri la kongres-urbo kaj -regiono. Anticipe nian koran dankon!

# OFICIALAJ SCIIGOJ

## BULTENO N-RO 3

**ficiala Invito:** La ĉefurbestro de Köln, D-ro Konrad **Adenauer,** Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro, invitis la jubilean kongreson.

**a Kongresa Palaco de la urbo Köln,** situanta en bela parko apud la Rejno, estas je dispono de la kongresanoj.

**dreso de la LKK:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanujo.

**oŝta ĉekkonto:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln N-ro 52.

**ankkonto:** Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln.

**otizoj: La favorkotizo de gmk. 18.— estas plilongigita ĝis la 31. 3. 1933.** Post tiu dato validos la normkotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj: La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj: Kiu ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresano, pagante gmk. 10.—.

**aloran kongresmemoraĵon ricevos tiuj aliĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis fino de marto 1933.**

**nacoj** por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun ni ricevis gmk. 104,27.

**Blindula Kaso:** La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj gesamideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 94,36.

**Konsilantoj:** La LKK alelektis s-ron Rausch kiel konsilanton.

**Aliĝoj:** Ĝis nun anoncis sian aliĝon 354 personoj el 26 landoj.

Laŭlanda statistiko: Alĝerio 1, Anglujo 35, Aŭstralio 1, Aŭstrio 8, Belgujo 18, Ĉeĥoslovakujo 13, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1. Finnlando 1, Francujo 42, Germanujo 144, Hispanujo 12, (inter ili tri el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 13, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 23, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 4, Svedujo 5, Svislando 8.

**Fakaj kunvenoj:** Krom la jam cititaj oni anoncis la sekvantajn fakajn kunsidojn: (Pri detaloj oni turnu sin al la organizantoj):

Bahaanoj: S-ro D-ro H. Grossmann, Friedrich Voglerstr. 26, Weinheim, Baden.

Framasonoj: S-ro Carl Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt/Main.
Aliaj organizantoj bonvolu sufiĉe frue anonci siajn dezirojn.

**Festa iluminado dum la kongreso.** La urbo Köln jus promesis feste iluminadi la katedralon, pontojn kaj rejnbordojn, okazaĵo kutima nur ĉe gravaj festoj.

**5000 ekzempleroj n de nova gvidfolio** konsentis al ni la magistrato de la urbo Köln. Ili estas senpage riceveblaj ĉe la adreso de la LKK, Trajanstr. 25, Köln.

**Karavanoj jam anoncitaj** laŭ la lasta bulteno:

The British Esperanto Association, London,

Registara konsilisto H. Steiner, Wien,

Esperanto-Centro Itala, Milano,

Jakob Telling, Rotterdam.

Nove anoncitaj karavanoj:

S-ro H. Moy Thomas, ĉefdelegito de UEA, 142a Camberwell Grove, London S. E. 5.

Internacia alcentra aerflugaro el ĉiuj lokoj, de kiuj ekzistas regula aertrafiko rekte al la kongresurbo aŭ al Berlin. Oni bonvolu turni sin al: Friedrich Ellersiek, Wilmsstr. 5, Berlin SW 61 (Germ.).

Svedoj bonvolu sin turni al:
Esperanto Turista Komisiono, Helenebergsgatan 6, Stockholm.

Francoj bonvolu sin turni al:
Globe Trotter, 75, Boulevard St. Germain, Paris VI.

**Pago de kotizo:** La kondiĉoj pri forsendo de la mono estas malsamaj en la diversaj landoj. Tial ni rekomendas informiĝi ĉe nacia, resp. ŝtata bankoficejo enlanda. Laŭ niaj informoj ĉiukaze estas eble, iamaniere forsendi tiel malgrandan sumon eksterlanden.

**Pasporto.** Estas oportune sin turni al la plej proksima **germana** konsulejo, kiu donas informojn pri pasporto, vizo, ktp.

**Specialaj kontoj por kongresanoj:** Ĉar grandaj monsumoj ne estas forsendeblaj el diversaj landoj, LKK aranĝos al la kongresanoj specialajn kontojn, al kiuj oni post iom povas pagi iujn sumojn. La senditaj sumoj estos repagataj al la kongresanoj post ilia alveno en Köln.

LKK sukcese klopodis pri **malkaraj loĝejoj;** detaloj en la venonta bulteno.

**Informpetoj:** Al ĉiuj informpetoj oni nepre aldonu respond-kuponon. Bonvolu ne peti informojn jam donitajn en la ĝisnunaj bultenoj, ĉar estas ne eble al ni, diversfoje ripeti al unuopaj petantoj la jam faritajn informojn.

**Ju pli baldaŭ vi aliĝos, des pli multe vi faciligos nian laboron!**

**Loka Kongresa Komitato.**






ADRESO: TRAJANSTRASSE 25

# OFICIALAJ SCIIGOJ

## BULTENO N-RO 3

**Oficiala Invito:** La ĉefurbestro de Köln, D-ro Konrad **Adenauer,** Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro, invitis la jubilean kongreson.

**La Kongresa Palaco de la urbo Köln,** situanta en bela parko apud la Rejno, estas je dispono de la kongresanoj.

**Adreso de la LKK:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanujo.

**Poŝta ĉekkonto:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln N-ro 52.

**Bankkonto:** Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln.

**Kotizoj: La favorkotizo de gmk. 18.— estas plilongigita ĝis la 31. 3. 1933.** Post tiu dato validos la normkotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj: La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj: Kiu ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresano, pagante gmk. 10.—.

**Valoran kongresmemorajon ricevos tiuj aliĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis fino de marto 1933.**

**Donacoj** por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun ni ricevis gmk. 104,27.

**Blindula Kaso:** La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj gesamideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 94,36.

**Konsilantoj:** La LKK alelektis s-ron Rausch kiel konsilanton.

**Aliĝoj:** Ĝis nun anoncis sian aliĝon 354 personoj el 26 landoj.

Laŭlanda statistiko: Alĝerio 1, Anglujo 35, Aŭstralio 1, Aŭstrio 8, Belgujo 18, Ĉeĥoslovakujo 13, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1. Finnlando 1, Francujo 42, Germanujo 144, Hispanujo 12, (inter ili tri el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 13, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 23, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 4, Svedujo 5, Svislando 8.

**Fakaj kunvenoj:** Krom la jam cititaj oni anoncis la sekvantajn fakajn kunsidojn: (Pri detaloj oni turnu sin al la organizantoj):

Bahaanoj: S-ro D-ro H. Grossmann, Friedrich Voglerstr. 26, Weinheim, Baden.

Framasonoj: S-ro Carl Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt/Main.
Aliaj organizantoj bonvolu sufiĉe frue anonci siajn dezirojn.

**Festa iluminado dum la kongreso.** La urbo Köln ĵus promesis feste iluminadi la katedralon, pontojn kaj rejnbordojn, okazajo kutima nur ĉe gravaj festoj.

**5000 ekzempleroj de nova gvidfolio** konsentis al ni la magistrato de la urbo Köln. Ili estas senpage riceveblaj ĉe la adreso de la LKK, Trajanstr. 25, Köln.

**Karavanoj jam anoncitaj** laŭ la lasta bulteno:

The British Esperanto Association, London,
Registara konsilisto H. Steiner, Wien,
Esperanto-Centro Itala, Milano,
Jakob Telling, Rotterdam.

Nove anoncitaj karavanoj:
S-ro H. Moy Thomas, ĉefdelegito de UEA, 142a Camberwell Grove, London S.E. 5.

Internacia alcentra aerflugaro el ĉiuj lokoj, de kiuj ekzistas regula aertrafiko rekte al la kongresurbo aŭ al Berlin. Oni bonvolu turni sin al: Friedrich Ellersieck, Wilmsstr. 5, Berlin SW 61 (Germ.).

Svedoj bonvolu sin turni al:
Esperanto Turista Komisiono, Helleneborgsgatan 6, Stockholm.

Francoj bonvolu sin turni al:
Globe Trotter, 75, Boulevard St. Germain, Paris VI.

**Pago de kotizo:** La kondiĉoj pri forsendo de la mono estas malsamaj en la diversaj landoj. Tial ni rekomendas informiĝi ĉe nacia, resp. ŝtata bankoficejo enlanda. Laŭ niaj informoj ĉiukaze estas eble, iamaniere forsendi tiel malgrandan sumon eksterlanden.

**Pasporto.** Estas oportune sin turni al la plej proksima **germana** konsulejo, kiu donas informojn pri pasporto, vizo, ktp.

**Specialaj kontoj por kongresanoj:** Ĉar grandaj monsumoj ne estas forsendeblaj el diversaj landoj, LKK aranĝos al la kongresanoj specialajn kontojn, al kiuj oni iom post iom povas pagi iujn sumojn. La senditaj sumoj estos repagataj al la kongresanoj post ilia alveno en Köln.

LKK sukcese klopodis pri **malkaraj loĝejoj;** detaloj en la venonta bulteno.

**Informpetoj:** Al ĉiuj informpetoj oni nepre aldonu respond-kuponon. Bonvolu ne peti informojn jam donitajn en la ĝisnunaj bultenoj, ĉar estas ne eble al ni, diversfoje ripeti al unuopaj petantoj la jam faritajn informojn.

**Ju pli baldaŭ vi aliĝos, des pli multe vi faciligos nian laboron!**

**Loka Kongresa Komitato.**



# Universala Kongreso de Esperanto Köln 1933

29-a de julio — 5-a de aŭgusto + Adreso: LKK Köln, Trajanstrasse 25, Germanlando

## OFICIALAJ SCIIGOJ

BULTENO N-RO 4

**Adreso de la LKK:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanujo.

**Poŝta ĉekkonto:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln N-ro 52.

**Bankkonto:** Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln.

**Kotizoj:** Post la 31. 3. 1933 validas la normkotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj: La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj: Kiu ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresano, pagante gmk. 10.—.

**Donacoj** por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun ni ricevis gmk. 155,98.

**Blindula Kaso:** La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj gesamideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 134,97.

**Aliĝoj:** Ĝis nun anoncis sian aliĝon 443 personoj el 27 landoj.

Laŭlanda statistiko: Alĝerio 1, Anglujo 45, Aŭstralio 1, Aŭstrio 12, Belgujo 21, Brazilio 1, Ĉeĥoslovakujo 17, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 47, Germanujo 174, Hispanujo 24 (inter ili 3 el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 14, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 39, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 5, Svedujo 5, Svislando 9, Usono 1.

**Fakaj kunvenoj:** Krom la jam cititaj oni anoncis la sekvantajn fakajn kunsidojn: (Pri detaloj oni turnu sin al la organizantoj):

Internacia Scienca Asocio: S-ro Rollet de l'Isle, 35, Rue du Sommerard, Paris 5-e.

Universala Pacifista Ligo: S-ro Einar Dahl, Ridhusgatan 6, Uddevalla (Svedujo).

Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj: S-ino Elise Jakobs, Mathildenstr. 9, Flensburg (Germanujo).

Aliaj organizantoj bonvolu sufiĉe frue anonci siajn dezirojn.

**Karavanoj:**

Francoj bonvolu sin turni al:

S-ro P. Petit, konstanta sekretario de S. F. P. E., 59, Rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois (Seine), Francujo.

**Specialaj kontoj por kongresanoj:** Ĉar grandaj monsumoj ne estas forsendeblaj el diversaj landoj, LKK aranĝos al la kongresanoj specialajn kontojn, al kiuj oni iom post iom povas pagi iujn sumojn. La senditaj sumoj estos repagataj al la kongresanoj post ilia alveno en Köln.

**Konkurso.**

LKK decidis aranĝi konkurson pri prologo rilate la 25-an UK.

Kondiĉoj: Ĝi estu apoteozo pri la Jubilea Kongreso. La prologo surhavu devizon; la adreso de la aŭtoro estu aldonata en fermita koverto kun la sama devizo. Lasta dato por alsendoj al LKK: 1. 6. 1933.

Premioj: I.: gmk. 75.—.
II.: gmk. 25.—.
III. kaj IV.: po 1 Kongreskarto.

Premia Komitato: S-roj Behrendt, Butin, Lippmann, LKK.

**Postkongresaj vojaĝoj:**

Tuj post la kongreso okazos:

1. ekskursoj de Kolonjo tra Rejnlando kaj Vestfalio;
2. libertempa restado en Rejnlando.

Detaloj sekvos.

Baldaŭa aliĝo faciligos nian laboron kaj donos al ni la eblon, plivastigi la programon.

**Loka Kongresa Komitato.**

# 25 Universala Kongreso de Esperanto Köln 1933

9-a de julio — 5-a de aŭgusto + Adreso: LKK Köln, Trajanstrasse 25, Germanlando

## OFICIALAJ SCIIGOJ

### BULTENO N-RO 5

**dreso de la LKK:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanujo.

**oŝta ĉekkonto:** 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln N-ro 52.

**ankkonto:** Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln.

**otizoj:** Post la 31. 3. 1933 validas la normkotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj: La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj: Kiu ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresano, pagante gmk. 10.—.

**onacoj** por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun ni ricevis gmk. 156,45.

**lindula Kaso:** La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj gesamideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 136,97.

**liĝoj:** Ĝis nun anoncis sian aliĝon 507 personoj el 27 landoj.

Laŭlanda statistiko: Alĝerio 1, Anglujo 62, Aŭstralio 1, Aŭstrio 16, Belgujo 21, Brazilo 2, Ĉeĥoslovakujo 17, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 49, Germanujo 202, Hispanujo 24 (inter ili 3 el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 16, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 49, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 5, Svedujo 5, Svislando 9, Usono 1.

**rvoja rabato en Germanujo:**

Karavanoj de 12 personoj ricevos 33%-an rabaton;

karavanoj de 50 personoj ricevos 40%-an rabaton.

Izoluloj uzantaj la fervojon rajtas uzi tiel nomatajn „Sommerurlaubskarten“ (someraj feriaj biletoj), kiuj validas 2 monatojn (rabato de 20%). Oni povas ĝui la rabaton de 20% nur, se oni pagas bileton por minimume 200 km. Ĝi estas mendebla en ĉiuj grandaj fervojoficejoj en- kaj eksterlandaj. Interrompo de la vojaĝo estas permesata unufoje dum la alveturo, trifoje dum la reveturo. La reveturo de Kolonjo povas okazi de post la 7-a tago de forveturo.

La Ŝipkompanio „Erste Donau-Dampfschiffahrtsgesellschaft, Wien III, Hintere Zollamtsstr. 1“ donas al kongresanoj, veturantaj Kolonjon, rabaton de 25%. La rabato validas de la 23-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto inkluzive por la reveno. Detalojn oni demandu rekte de la ŝipkompanio.

**Loĝejoj:** La prezoj por hoteloj estas fiksitaj laŭ la sekvantaj detaloj:

Kategorio A: luksaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 9.50.

Kategorio B: komfortaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 6.50.

Kategorio C: simplaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 5.—.

Kategorio D: modestaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 4.—.

Ĉiuj hoteloj situas tute proksime de la ĉefstacidomo kaj kongresejo.

**Malkaraj loĝejoj por gejunuloj:** LKK povas disponi pri jenaj loĝejoj en domoj de katolikaj societoj:

Kategorio E: Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado po nokto kaj persono gmk. 3.—.

Kategorio F: Ĉambro kun 2—4 litoj kun matenmanĝo, inkl. de servado, po nokto kaj persono gmk. 2.—.

Kategorio G: Ĉambrego por 20 personoj kun matenmanĝo, inkl. de servado, po nokto kaj persono gmk. 1,50.

La loĝejoj estas proksime de la ĉefstacidomo. Nokte sinjorinoj aŭ fraŭlinoj devas esti hejme je la 23.30 h. Sinjoroj povas eniri la domon ĝis la 2-a nokte.

**Postkongresaj ekskursoj:**

**Rejnveturado de Kolonjo ĝis Bingen/Frankfurt.**

Programo: 6. 8. 33

Köln forveturo 8,31 h.
Koblenz alveno 9,52 h.

Akcepto de esperantistoj.

Veturo per aŭtomobiloj tra la urbo. Vizito al kastelo Stolzenfels kaj fortikaĵo Ehrenbreitstein. Veturo al monteto Rittersturz. Tagmanĝo en Koblenz.

Koblenz forveturo 15,05 h. per ŝipo.
Bingen alveno 20,05 h.

Akcepto de esperantistoj.

Vespermanĝo, festeto kaj tranokto en Bingen.

7. 8. 33: Bingen forveturo 9,00 h.

Al Assmannshausen. Promenado tra arbaro „Niederwald“ al Rüdesheim. Reveturo al Bingen. Tagmanĝo.

Bingen forveturo 13,10 h.
Mainz alveno 13,42 h.

Akcepto de esperantistoj.

Rondveturado kaj vizito al la Katedralo. Ekskurso al Wiesbaden kun veturo al „Neroberg“. Kunestado kun Wiesbaden'aj esperantistoj. Vespermanĝo kaj tranokto en Mainz.

8. 8. 33: Mainz forveturo 11,23 h.

Frankfurt alveno 11,56 h.

Akcepto de esperantistoj.

Tagmanĝo. Rondveturo tra la urbo. Vizito al Goethe-domo.

Post vespermanĝo finiĝos la ekskurso.

Tutvojaĝa prezo por ĉiu partoprenanto estas gmk. 46.

Prezo por partoprenanto ĝis inkluzive de tagmanĝo en Bingen, la 7. 8. 33, estas gmk. 25,—.

**Programo de la kongreso:**

Interkonsente kun la ICK ni starigis la sekvantan provizoran

programon de la kongreso:

**Sabato 29. 7. 33.**

10 h. 1-a kunsido de la ICK-anoj (kun LKK).
11 h. 1-a kunsido de KR.
15 h. Jarkunveno de la Germana Esperanto-Asocio.
18 h. 1-a kunsido de UFE, KR kaj ICK.
20.30 h. Interkonatiĝa Vespero.

**Dimanĉo 30. 7. 33.**

8.30 h. Diservoj.
10.30 h. Solena Malferma Kunsido.
16 h. Malfermo de la Somera Universitato.
17 h. Kunsido de UEA-Komitato.
18 h. 2-a kunsido de la ICK-anoj.
20.30 h. Literatura vespero.

**Lundo 31. 7. 33.**

9 h. Fakkunsidoj.
10 h. 1-a Laborkunsido.
14.30 h. Fakkunsidoj.
16 h. Somera Universitato.
17 h. Somera Universitato.
17 h. 2-a kunsido de KR.
18 h. Fakkunsidoj.
18.30 h. 1-a Kunsido de UFE.

**Mardo 1. 8. 33.**

9 h. Fakkunsidoj.
10 h. 2-a Laborkunsido.
14 h. 3-a Kunsido de la ICK-anoj.
15 h. Fakkunsidoj.
15.30 h. 2-a Kunsido de UFE.
17 h. 3-a Kunsido de KR.
20.30 h. Rejnlanda Vespero.

**Merkredo 2. 8. 33.**

9 h. Fakkunsidoj.
10 h. UEA-Kunveno.
15 h. Somera Universitato.
16 h. Somera Universitato.
17 h. 2-a kunsido de UFE, KR kaj ICK.
17 h. Fakkunsidoj.
18 h. Fakkunsidoj.
20.30 h. Festaranĝo de UEA-jubileo.

**Ĵaŭdo 3. 8. 33.**

10 h. Tuttaga ŝip-ekskurso al la Sepmontaro (Königswinter).

**Vendredo 4. 8. 33.**

9 h. Fakkunsidoj.
10 h. 3-a Laborkunsido.
14.30 h. Vizitoj al diversaj famaj fabrikejoj.
15 h. Fakkunsidoj.
16 h. 4-a Kunsido de la ICK-anoj.
20.30 h. Internacia Balo.

**Sabato 5. 8. 33.**

10 h. Ferma Kunsido.
14 h. Ekskurso.
20.30 h. Gaja Vespero laŭ Kolonja maniero (aranĝota de la lokaj grupoj Köln).

**Dimanĉo 6. 8. 33.**

Postkongresaj ekskursoj.

**Rabatitaj tramvojbiletoj por la kongresanoj de la 25-a.**

Ĵus la urba administracio promesis eldoni tramvojbiletojn potage por gmk. 0.50. La kongresanoj rajtos veturi per tiuj kartoj sur ĉiuj linioj la tutan tagon.

**Senpagan viziton al ĉiuj urbaj muzezoj**

ĝuos la kongresanoj de la Jubilea Kongreso.

**Samideanoj de la tuta mondo, venu al la 25-a Universala Kongreso de Esperanto. Venu al la bela Rejna Bordo kaj Kolonjo, urbo de komprenemo kaj bonhumoro.**
**Ni faris kaj faros por vi ĉion por kontentigi vin!**

Loka Kongresa Komitato.